1973 septembro

# A K T U A L E -1

Monata informilo de Sovetlanda esperantista movado

Karaj gesamikoj!

Laŭ decido de la Vll-a SEJM-Konferenco (ĉi jara) Barnaula E-klubo lanĉas novan informilon de SEJM, nome "Aktuale"-on. Inter ĉiaj taskoj estas informi pri laboro de E-kluboj, interŝanĝi ideojn el E-agado kaj diskuti, rakonti pri E-renkontiĝoj, veturoj, laboro de fakoj, ktp.

Ni petas sendadi ĉiujn materialojn al redaktoro de "Aktuale" Vladimircev Jurij (Semenoviĉ) laŭ adreso:656099, Barnaul-99, p.k.11, E-klubo.

Estas peto skribi artikolojn sufiĉe koncize, aliel redaktoro devos koncizigi, ĉar dume ni estas limigitaj de tajpebleco j.

La unua numero de "Aktuale" enhavu tre koncizan protokolon de la Vll-a SEJM-Konferenco. Dua numero enhavos koncizan priskribon de la SEJT-XV kaj se venos iom da aliaj materialoj. Kaj la tria numero estas plene je via dispono, gekamaradoj.

Konsideru, ke ni fermas la numeron kaj ektajpas la 20-an de la respektiva monato.

Ek al la kunlaboro!

A.Gonĉarov.

## KONCIZA PROTOKOLO

de la Vll-a Konferenco de SEJM-Konsilantaro

La unua tago - 12.08.73.

V.Aroloviĉ en la nomo de SEJM-Komitato malfermis la Konferencon. A.Gonĉarov faris enkondukan parolon. Li skizis historion de la Konferencoj, menciis ties taskojn: interŝanĝi sperton, koordini kaj plani laboron.

Temo: raportoj de la lokaj kluboj.

Barnaul (JU.Vladimircev): La klubo regule okazigas kunvenojn, renkontiĝojn kun najbaraj urboj. Nombro de la klubanoj - ĉ.40 personoj. 20 personoj venis al la konferenco, 7 partoprenas en SET. La klubo ricevis propran ĉambron. Estas eldonita fotmaniere unu numero de "Akordo". En gazetaro aperis 4 artikoloj. Oni aranĝis malgrandan ekspozicion de infandesegnaĵoj. Okazis 3 propagandaj koncertoj, 16 prelegoj. 2 klubanoj partoprenis konstrutaĉmenton en Bulgario. Urban kurson finis 14 personoj.

Celjabinsk (L.Novikova): La klubanoj aktive partoprenis en SET, SEJT, regionaj renkontiĝoj. Estis kelkaj publikaĵoj en regiona ĵurnalo. Funkciis 2 kursoj, ekzameniĝis 16 personoj. Oni aranĝis standon ĉe publika biblioteko. Estis organizita ekspozicio de infandesegnaĵoj. En la klubo aktivas ĉ.20 membroj.

Hmelnickij (B.Dajnok): La klubo nombras 18 personojn, el ili aktivas 8. Okazis renkontiĝoj kun aliurbanoj. Oni eldonas informilon por Ukrainio.

Ivanovo (T.Leskutova): La ĉefa direkto de laboro estis instruado. Funkciis du kursoj por komencantoj kaj unu por progresantoj. Estis multaj propagandaj prelegoj. La klubanoj aktive partoprenis E-aranĝojn, organizis regionan renkontiĝon. Oni preparis kovrilojn por "Akordo". Multfoje estis demonstrata la filmo "Fiat". Estis artikoloj en ĵurnaloj, precipe institutaj. Kunvenas 10-15 personoj.

Klaipeda (D.Inkmuskaite): En la klubo estas 124 personoj laŭ listo, aktivas 70. Laboron de la klubo gvidas Konsilantaro. Oni aranĝis grandan urban ekspozicion. Okazis tradicia renkontiĝo en Giruliai. Aperis 21 artikoloj en gazetaro. E-fakultaton ĉe popola universitato finis pli ol 100 personoj. La klubo kunlaboras kun E-kluboj de socialismaj landoj. 3 personoj vizitis eksterlandon.

Por lerneja instruado mankas pedagogoj.La klubon vizitas vintre ĉ.40 personoj,somere – 20-23.Konstantan taskon havas ne ĉiu klubano.
Kolomna(M.Rybakov):Por bona laboro mankas kondiĉoj.La grupo nombras 16 personojn,gvidas L.Borisov.Propran ejon oni ne havas, kolektiĝas ĉe la gvidanto hejme.Oni organizis rondeton de lernantoj, interesiĝantaj pri literaturo;finis 7 el 9. La grupanoj partoprenis diversajn aranĝojn en aliaj urboj, organizis regionan renkontiĝon.Oni esperas pri oficialiĝo.
Leningrado(D.Iakjanec):El 30 junaj esperantistoj aktivas 10. En la estraro de ĝenerala klubo estas 6 gejunuloj el 10.Estis unu kurso,kiun finis 15 personoj.Oni partoprenas laboron de Leningrada SSOD-Komisiono.La grupanoj aktive partoprenis diversajn renkontiĝojn.En Domo de verkistoj okazis buŝa almanako kun prelegoj de S.Podkaminer kaj V.Samodaj pri E-tradukoj de rusa poezio.Granda laboro estas farata pri akompano de eksterlandanoj.
Moskvo(A.Harkovskij):La ĉefa aktiveco estis organizo de SEJT-XIV Oni partoprenis regionajn renkontiĝojn,aranĝis humuran vesperon. G.Leŝakaja partoprenis Berlinan festivalon.Sub gvido de B.Tokarev funkciis kursoj por komencantoj kaj progresantoj.En la klubo aktivas ĉ.10 gejunuloj.Sukcese funkciis interlingvistika rondeto de S.Kuzneccov.Korespondajn kursojn partoprenis ĉ.20 personoj.
Omsk(V.Kulikov):En la klubo estas 30 membroj.Funkciis kelkaj rondetoj kaj metodika kurso.Ekzameniĝis 52 personoj.La klubo festis 50-jaran jubileon.Estis artikoloj en loka gazetaro.Oni aranĝis majfestan renkontiĝon kun aliurbanoj,turismajn marŝojn. N.Januleviĉ partoprenis la Kongreson en Belgrado.
Riga(A.Medinŝ):Ekzistas kelkaj junularaj grupoj,kiuj kunvenas aparte.En Domo de instruistoj funkciis kurso,kiun finis 14 personoj.Aperis kelkaj artikoloj,radioelsendoj.Okazis tradiciaj renkontiĝoj.Regule estas sendata materialo al Pola Radio.Estas eldonita fotmaniere malgranda E- vortaro.Oni preparis "Akordon" N=36.Estas kunlaboro kun komsomola komitato de radiouzino,kun turisma klubo.Estas sentata manko de sportaj junaj fortoj. "Radisto" nombras 15 personojn.

La dua tago – 13.08.73.
Raportoj de la lokaj kluboj (daŭrigo)

Doneck (M.Belogolovskij):En la klubo estas 20 personoj.Ĝi havas bonajn oficialajn poziciojn,precipe ĉe komsomolaj organizaĵoj.Estis multaj kursoj,kiuj bonan rezulton ne donis. Estas starigitaj bonaj kontaktoj kun Magdeburg (GDR).Okazis renkontiĝo kun ĥarkovanoj.La plej grava malfacilaĵo estas foresto de klubejo.
Kujbiŝev (Z.Skvorcova):La SEJM-reprezentantino T.Legkova ne aktivas.Funkciis kursoj por komencantoj.Oni aranĝis 3 ekspoziciojn.Ne videblas granda intereso al Esperanto,ĉar la urbon ne vizitas eksterlandanoj.La klubanoj abonis diversajn revuojn, korespondas kolektive kun eksterlando.
Taŝkent (D.Galalova):La laboro estis nek brila,nek brua.Nova prezidanto de la klubo estas S.Mutalov.La klubo nombras min 30 personojn,aktivas ĉ.10.Estis vespero kun delegacio de polaj studentoj,inter kiuj estis esperantistino.Multa laboro estis farita por organizi SET.Aperis nur unu numero de "Akordo".Funkciis kursoj.
Tula(V.Sporyŝin):Lastjare en la klubo restis nur novuloj. Funkciis kurso en instituto,7 kursfinintoj veturis SET. Estis ankaŭ kurso en lernejo,finis 5 personoj.La klubanoj aktive partoprenis diversajn renkontiĝojn.Estis faritaj 3 ekspozicioj.La klubon regule vizitas ĉ.5 personoj.Oni planas

daŭrigi la kursojn en lernejo kaj instituto.
Ufa (N.Cvileneva):El 40 klubanoj aktivas 20-25.Funkciis fakultativaj kursoj en nafta kaj aviada institutoj,ankaŭ pagataj kursoj ĉe biblioteko kaj en klubo de trajnripara uzino.La plej grandan kurson (pli ol 100) gvidis B.Kelker.Estis fakultativo en lernejo. Aperadis artikoloj en la gazetaro.Okazis granda koncertvespero, kelkaj ekspozicietoj.Por urba biblioteko oni abonis E-revuojn kaj akiris librojn.Okazis marŝoj ekster urbo,vespero por kursfinintoj.Aperis unuaj E-lecionoj en la ĵurnalo "Leninec",la tuta ciklo ampleksos 15 lecionojn.Okaze de sia 5-jara jubileo la klubo honorigis kelkajn urbajn organizaĵojn pro helpo.
Ustj-Kamenogorsk(R.Citljau legas leteron de B.Anoŝin):Aperis 2 artikoloj en uzina ĵurnalo,1 en urbo.Okazis buŝa almanako en Palaco de metalistoj.Funkciis 4-monata kurso,finis 8 el ĝ 12. Okazis renkontiĝo kun barnaulanoj.Estis 2-minuta televida elsendo pri laboro de la klubo.Aperis traduko en "Bulgara Esperantisto".La laboro ne estis planita,kunvenoj estis neoftaj.
Poltava (V.Noĉovkin):Estas du E-kluboj:en agrikultura instituto kaj en teknika lernejo.Estis preparita granda stando. La lerneja klubo estas subvenciata.La instituta klubo nombras 20 personojn,aktive vizitas 10.Oni prezentis E-kantojn dum kremdlingva koncerto.Aperis kvar artikoloj en la gazetaro. Kursfinintoj ricevas oficialajn atestojn.Oni partoprenis renkontiĝojn en aliaj urboj.Ĉefa malfacilaĵo - manko de E-literaturo.
Ĥarkov (A.Lukin):En la klubo okazis ŝanĝoj,aperis aparta junulara klubo.Ĝi nombras 30 personojn.Funkciis 3 kursoj por komencantoj kaj unu por progresantoj.Oni laboras laŭ fakaj grupoj.Estas starigitaj ligoj kun ĝemelurboj eksterlande.Okazis multaj renkontiĝoj,elurbiĝoj.Estis granda solena vespero por kursfinintoj. Oni aranĝis 10 prelegojn.Funkciis 4 kursoj en lernejoj,la rezulto estis malsukcesa.Oni planas pli aktivigi la fakojn.
Vilnius (S.Gaidamavičius):La klubo "Juneco"estas paralela kun ĝenerala urba klubo.Junecanoj laboras laŭ kvar fakoj.Okazis multaj renkontiĝojn kaj marŝoj.Funkciis 4 kursoj.Aperis artikoloj en gazetaro,precipe distrikta.La klubanoj korespondas kun 23 landoj.Estas eldonita propaganda bulteno.Aperis sondisko "Litova kanto en Esperanto".Oni preparas la bultenon "KKK".

Raportas nealiĝintaj grupoj.

Talgar (G.Gercikov):Estis organizitaj du grupoj - ĉe lernejo kaj ĉe la urba klubo.Kursojn finis 10 personoj kaj ricevis atestilojn.Okazis radioelsendo kaj artikoloj en gazetaro.La instancoj subtenas.La grupo volas aliĝi al SEJM.
Kostroma (E.Tartiŝev):Funkciis tri rondetoj,finis 4 personoj.Aŭtune la laboro daŭros.
Tiĥvin (M.Bronŝtejn):Okazis prelego en la kadroj de urba societo "Scio".Funkciis kurso en lernejo;komencis 45-40,finis 5.Printempe okazis turisma marŝo kun komencantoj,pri ĝi poste estis fotoekspozicio.Okazis kelklingva unuamaja koncerto; E-parto estis la plej bona.La kursfinintoj ĉeestas en la Konferenco.Aliĝi al SEJM la grupo ne rapidas.
Kedainiai (J.Galvydis):En la klubo estas 30 personoj,el ili 17 gejunuloj.Oni laboras laŭ jara agadplano.Funkciis 4 kursoj.Estis organizita ekspozicio.Oni abonis diversajn revuojn. Pasintjare la klubo kandidatiĝis al SEJM kaj petas konfirmi la membrecon.

Temo: raportoj de la fakoj,faka agado.

Korespondo servo (laŭ komisio,A.Medinŝ):Korespondpetoj ne estis multaj.La fakestrino S.Neilande kontaktis kun korespondа servo de TEJO.Estas kompilita paĝo kun eksterlandaj adresoj

por "Akordo".
Poezia fako(D.Lukjanec):La farita laboro ne estas
granda.Estas planata kolektado de originalaj poezi-
aĵoj por eventuala publikigo.En Leningrada Domo de verkistoj
okazis almanako kun elpaŝo pri E-tradukoj de rusa poezio.Por
estonte estas planataj ankoraŭ du elpaŝoj.Estas intenco aranĝi
poezian vesperon en SEJT.Kun eksterlandaj literaturistoj
kontaktoj ne estis multaj.

Radioamatora fako(G.Jaskov):Malgraŭ ne ĉiam bonaj kondiĉoj
la laboro pliaktiviĝis.Okazis pluraj eteraj renkontiĝoj kun
V.Ŝilas kaj kun eksterlando.
Estas preskaŭ preta radioamatora terminaro.

Traduka fako(J.Vladimircev):La laboro iom plivigliĝis.Duono
de bibliografio en Moskvo jam estas preta,oni surslipigas
E-literaturon en Leningrado.Oni komencis traduki teknikan li-
teraturon.Estas organizita traduka konkurso por SEJT.Ĝi stimu-
los trovi talentajn tradukistojn.

V.Cvetkova:Ni komencis laboron pri tutsovetia E-bibliografio.
Plejparto estas farita en Leningrado,estas ricevita helpo
el Kievo,Harkov,Riga.Nun necesas fari tian laboron en Moskvo
kaj aliaj urboj.Rezulte ni havos sliparon kun ĉifroj de
ĉiuj bibliotekoj.En ĉiu urbo devas esti respondeculo pri la
afero.

A.Gonĉarov:Ĉiu aktiva esperantisto devas okupiĝi pri iu
grava temo,ligita al Esperanto kaj la movado,ekz.pri historio,
ekonomiko,literaturo.Tiu laboro estas tre grava por oficia-
liĝo.Multe povas helpi niaj veteranoj.

B.Tokarev:Estas propono fondi socian sciencesploran instituton
de Esperanto.Ĝi povus koordini tian laboron.

Gazetara servo(A.Harkovskij):Neniu sendis materialojn por la ga-
zetaro,krom V.Laptev.Kelkajn artikolojn preparis la fakestro mem.
Estas propono likvidi la fakon.

Temo: Eksterlandaj rilatoj de SEJM.

B.Kolker(skriba raporto):Estas metitaj sufiĉe bonaj kontak-
toj kun TEJO.La klopodoj sendi oficialajn reprezentantojn
por TEJO-Kongreso ne estis sukcesaj.Estas interkonsento kun
GDR pri livero de E-eldonaĵoj al SEJM,necesas fari same pri
aliaj landoj.

Barnaul(A.Gonĉarov):Estas starigita firma kontakto kun Mon-
golio.Ni volas estonte prizorgi tiean movadon.Kun aliaj lan-
doj la kontaktoj ne estas multaj.

Ĉeljabinsk(L.Novikova):Estas nur pesonaj korespondligoj.

Doneck(M.Belogolovskij):Ni havas bonajn rilatojn kun GDR.
Estas ankaŭ kontaktoj kun aliaj landoj.

Harkov (J.Lupickij):Estas kontaktoj kun ĝemelurboj Bolonja,
Košice.Okazis renkontiĝoj kun eksterlandanoj en la urbo mem.

Klaipeda(A.Vizgirdas):La klubo kunlaboras kun Rostok,Sofio,
Debrecen.La klubanoj vigle korespondas.Oni akiris librojn
por SEJM.

Kolomna(M.Rybakov):Kelkaj klubanoj havas personajn leterkontaktojn.

Kujbiŝev(Z.Skvorcova):Estas kolektiva korespondado kun
Stara Zagora,Ŝverin,Sopot.El Pollando venis invito por instrui
tie.

Ivanovo(T.Loskutova):Kontaktoj estas nur personaj.Estis rice-
vitaj kelkaj vojaĝinvitoj.

Leningrado(V.Cvetkova):Ni ofte akompanas eksterlandajn gastojn.

Moskvo(A.Harkovskij):En la klubo estas malfacile gastigi

eksterlandanojn,precipe el kapitalistaj landoj.Kelkaj klubanoj korespondas private.
Omsk(V.Kulikov):Kelkaj klubanoj korespondas tre aktive.Estas speciala fako pri eksterlandaj kontaktoj.
Poltava(V.Noĉovkin):Estas korespondado kaj persona,kaj kolektiva -- kun ĉemeluŭrboj Velikotirnovo kaj Koŝalin.
Riga(A.Medinŝ):La korespondado ne estas vigla.Kolektive la klubo korespondas kun Hungario.
Ufa(N.Cvileneva):La klubanoj korespondas individue.Estas kolektiva kontakto kun Pollando.Ni ricevas literaturon el GDR. Vizitoj lastjare ne okazis.
S.Podkaminer:En urboj,kie estas packomitatoj,necesas kunlabori. Grandan utilon kaj perspektivojn donos MEM-agado.
A.Gonĉarov:Necesas bone uzi personan korespondadon,prepari ekzemple specialajn demandojn por korespondamikoj kaj aperigi iliajn respondojn en loka gazetaro.
G.Gercikov:Korespondado devas esti unu el niaj ĉefaj taskoj, ĉar ĝi allogas la homojn al Esperanto.
G.Lenskaja:La X-a Mondfestivalo de junularo en Berlino.Ĉeestis ĉ.50 personoj el deko da lokoj,inter ili gvidantoj de TEJO: R.Corsetti,H.Eichhorn,kiuj faris parolon al la ĉeestantoj. Aktive partoprenis reprezentantoj de Anglio,Ĉeĥoslovakio,USSR k.a.Post la oficiala parto okazis distra vespero.

La tria tago - 14.08.73.

Temo: Laboro de SEJM en lernejoj.

N.Starodubcev(skriba raporto):Estas kolektivaj sciigoj,ke Esperanto estis instruata en 57 lernejoj al 1224 gelernantoj. Estas organizita abonado al "Juna amiko" kaj "Internacia Pedagogia Revuo",akirado de la lernolibro de Szerdahelyi.La iniciato organizi pioniran tendaron en Soĉi malsukcesis.Por kontaktoj mankis aktuala SEJM-adresaro.
M.Bronŝtejn:Lernolibrojn oni donu al lernejaj bibliotekoj, sed ne vendu al lernantoj.
J.Lupickij:Bona,pensiga lernolibro por lernantoj estas tiu de Semjonova kaj Teterin.
G.Gercikov:Komenci kurson indas per propaganda vespero. Instrui estas prefere en 7 -9 klasoj,sed ne en 10-a.
A.Harkovskij:Estas bone ne nur instrui la lingvon,sed ankaŭ rakonti pri la movado,pri famaj esperantistoj.
D.Lukjanec:Kial ne instrui al 10-klasanoj? Ili iĝas mемstaraj esperantistoj,havas aŭtoritaton ĉe aliaj lernantoj.
V.Samodaj:Estas grave instrui ankaŭ en pionirpalacoj.
D.Vizgirdas:Ĉe ni kurson por instruistoj finis 4 personoj, sed instruado fare de ili preskaŭ ĉesis pro manko de kapabloj. Eliro ĝis nun ne videblas.
A.Gonĉarov:Instruadon en lernejo ni praktiku modeste,ne necesas troa bruo.

Temo: Rilato al Esperanto en oficialaj instancoj.

V.Arolović:La E-Komisiono ĉe SSOD lastjare preskaŭ ne funkciis.Estis intenco eldoni junularan numeron de "Por la paco"Z, sed ĝi kaj aliaj planitaj eldonaĵoj ne aperis pro manko de papero.Ni ne sukcesis direkti delegitaron al TEJO-Kongreso pro ŝanĝo de estraro.Februare venis nova respondeca sekretario de la Komisiono V.N.Tokmakov,kiu longe ne laboris.Li sukcesis interkonsenti kun KMO pri sendo de niaj reprezentantoj al Berlina Festivalo;post prikonsidero en KMO el 5 kandidatoj restis nur G.Lenskaja.Nuna respondeca sekretario, jus komencinta labori,estas Kuznecov Vladimir Fjodoroviĉ. Kun KMO seneraj kontaktoj ne estis,ĉar T.Grigorjev dum tuta jaro forestis.

En "Sojuzpeĉatj" oni sukcesis pliigi la abonkvanton por "Paco" kaj "Hungara vivo" de 200 ĝis 500, estas diskutata la demando pri plilarĝigo de la listo de abonaĵoj. Ĉe "Meĵdunarodnaja kniga" estas klopodoj pri plifaciligo de livero kaj vendado de E-literaturo en socialismaj landoj. Estas propono eldoni la revuon "Kulturo kaj vivo" viee kun aliaj lingvoj ankaŭ en Esperanto. La E-rusa vortaro de E.A.Bokarev aperos kun prokrasto pro manko de papero.

V.Samodaj: "Kulturo kaj vivo" ne estas interesa revuo, por redakti kaj eldoni ĝin necesas 5 salajrataj personoj, kio estas malfacila. Pli bone estus organizi redakcieton ĉe "Moskvaj novaĵoj" kaj regule eldoni ion similan al "Por la paco".

A.Harkovskij: En Instituto de patentoj oni proponis ellabori internacian patentan lingvon surbaze de Esperanto, sed superaj instancoj malfavoris.

A.Gonĉarov: Ni devas kolekti eldirojn de famuloj, favorajn por Esperanto, kaj eventuale eldoni.

N.Ovilensva: En nia urbo estas bonaj rilatoj kun instancoj. Ili helpis aranĝi multnombran REVU-7, sed estis malfacilaĵoj pri enhoteligo.

V.Neĉovkin: Ĉe ni la preso volonte ĉion publikigas.

Temo: financa stato de SEJM.

A.Vizmirdas: Pagis 24 kluboj por 6.400 membroj. Krom kotizoj, estis ricevitaj donacoj, profito de SEJT-XIV k.a. Entute enspezoj estis je la sumo 585.04. Elspezoj - 276.63. Nuna saldo egalas 965.01, el ili 95 rubloj eksterlande.

Temo: sekretariaj aferoj.

A.Medinŝ: Sekretariajn premiojn ricevas Harkov, Barnaul, Klajpeda. Raportis 21 kluboj, rezulto de la konkurado estas jena:

| | | |
|---|---|---|
| 1.Ufa | - | 2 805 |
| 2.Klajpeda | - | 2 151 |
| 3.Riga | - | 1 550 |
| 4.Vilnius | - | 1 078 |
| 5.Ivanovo | - | 1 014 |
| 6.Barnaul | - | 930 |
| 7.Omsk | - | 737 |
| 8.Hmelnickij | - | 625 |
| 9.Moskvo | - | 561 |
| 10.Harkov | - | 556 |
| 11.Ustj-Kamenogorsk | - | 521 |
| 12.Leningrado | - | 416 |
| 13.Novosibirsk | - | 400 |
| 14.Poltava | - | 355 |
| 15.Ĉeljabinsk | - | 321 |
| 16.Taŝkent | - | 271 |
| 17.Tula | - | 270 |
| 18.Doneck | - | 267 |
| 19.Birsk | - | 221 |
| 20.Kujbiŝev | - | 114 |
| 21.Kolomna | - | 93 |

A.Gonĉarov enmanigas la premiojn al reprezentantoj de Ufa, Klajpeda, Riga.

La Konferenco pridiskutis la staton en malaktivaj grupoj kaj atentigis la grupojn de Kaunas, Liepaja, Siaulai, Zaporoĵje; riproĉis la grupojn de Kaspijsk, Kievo, Krivoj Rog, Tallin, Viljandi; anoncis ekster SEJM la grupojn de Avdeevka, Ĝambul, Karaganda, Minsk, Rjazanj, Simnas, Strij.

Sekvas ellasita raporto de nesiĝinta grupo.

Siktivkar: (O.Straler): Pasintjare en la urbo malfermiĝis uni-

versitato.La estraro de fremdlingva fakultato favore rilatas al
Esperanto.Oni decidis aranĝi du fakultativajn kursojn – por
instruistoj kaj por studentoj.
La koferenco akceptis al SEJM kandidate la grupojn de Siktivkar,
Talgar,Tiĥvin,konfirmis kandidatecon de Sverdlovsk kaj membrecon
de Kedainiai (akceptitaj kandidate dum regionaj renkontiĝoj).

Temo: interna informado de SEJM.

A.Gonĉarov:La malnova maniero de "Akordo" evidentiĝis netaŭga.
La iniciato de taŝkentanoj fiaskis,ĉar al ili neniu helpis.
V.Silas iniciatis "KKK",sed ĝi nur parte savis la aferon.
Barnaŭlanoj provis fotomanieron,sed ĝi estas tro multekosta.
Necesas novaj proponoj.
A.Kalninŝ:Riga proponas renovigi la manieron,kiun uzis Ufa.
A.Harkovskij:Oni uzu la manieron de "Juna esperantisto",kun
pagataj tajpistoj.
A.Gonĉarov:Barnaŭlanoj pretas eldoni tion mem sur cigareda
papero ĉiumonate,kondiĉe ke SEJM liveros tajpilon.
Oni decidis eldoni problem-informan periodaĵon en Barnaul
kaj akompanan materialon (ĵurnaloj,fotoj ktp.)sub la titolo
"Akordo" – en Riga.La bulteno "KKK" ĉesu post stabiliĝo de la
barnaŭla eldono;pri plej urĝaj aferoj la sekretario sendu
cirkulerajn leterojn.

Temo: regiona agado de SEJM.

Balta regiono(A.Vizgirdas):La regiona agado iom lamas.Okazas
tradiciaj renkontiĝoj en ĉiuj tri respublikoj,sed pri SEJM-afe-
roj tie temas nemulte.
Centro-Rusia regiono(V.Aroloviĉ):Oni regule renkontiĝas dufoje
jare.Dum ĉiu renkontiĝo okazas seminario por aktivuloj kaj
distraj eroj.Dum printempaj renkontiĝoj estas specialaj aran-
ĝoj por komencantoj.Okazas ankaŭ reciprokaj vizitoj de akti-
vuloj.
Volgo-Urala regiono(N.Cvilenova):La renkontiĝoj okazas dufoje
jare.La plej amasa estis REVU-7 – 150 personoj.Okazas ankaŭ
duurbaj renkontiĝoj,ekzemple Sterlitamak – Salavat.
UEJM(M.Belogolovskij):Okazis renkontiĝo de kelkaj urboj
en Slavjanogorsk.Kievanoj ne montras aktivecon;aktivas
Harkov,Doneck,Zaporoĵje,Poltava.Oni daŭrigos laboron per fortoj
de tiuj 4 urboj.
Okcident-Siberia regiono(J.Vladimircev):Okazis kelkaj inter-
urbaj renkontiĝoj kun propagandaj eroj.Ni praktikas ankaŭ
amikajn vizitojn.
A.Gonĉarov:La regionaj renkontiĝoj iĝis izolitaj.Necesas nepre
respeguli ilin en niaj eldonaĵoj.La renkontiĝoj devas programe
simili al tendaroj kaj konferencoj.Oni praktiku la renkontiĝojn
eksterurbe,por ne havi forlogaĵojn.Necesas plani erojn por
neesperantistoj.Eblas inviti apartajn personojn por prelegi,
gvidi lecionojn por komencantoj ktp.

La kvara tago – 15.08.73.

Por la titolo de barnaŭla eldono estas proponoj:Katedro,
Paŝo,Torĉo,Tempo,Direkto,Aktivulo,Aktuale.Estas akceptita la
titolo "Aktuale".
Sekvas malfruinta raporto de la vicprezidanto pri fakaj aferoj.
V.Laptev(skribe):Estis senditaj elvoka artikolo por "Akordo"
kaj tri cirkuleraj leteroj al fakestroj kun konkretaj proponoj.
Preskaŭ ĉiu fakestro laboras izolite;SEJM-grupoj nek havas nek petas
helpon.Neniu el fakestroj sendis sian planon.Estas rekomendo lasi
sur la postenoj gvidantojn de poezia,traduka,radioamatora fako
kaj korespondа servo.Pro manko de informoj ne eblas pritaksi
laboron de metodika,scienc-teknika,naturamika fakoj kaj korespon-

da servo.Necesas eksigi gvidantojn de kanta,magnetofona,fota fakoj.Ni ne devas elekti fakestrojn senkonsente.

J.Lupickij:Se iu klubo ne respondas alvokojn de fakestroj kaj aliajn SEJM-leterojn,necesas forpreni poentojn.

L.Kovalenko:Necesas kolekti prelegojn pri E.kaj disponi por ĉies uzo.

A.Harkovskij: Ni ne bezonas tiom multe da fakoj.Restu 3-4, sed funkciantaj.

A.Gonĉarov:Malbona laboro de fako dependas de gvidanto kaj kondiĉoj.Se por iu stagnanta fako poste troviĝos bona gvidanto,ni ĉiam povos renovigi ĝian laboron.

V.Somodaj:Nepre necesas altiri pli aĝajn esperantistojn al faka laboro,ili ja multon faras paralele.

Temo: elektado de la nova SEJM-Estraro kaj fakestroj.

La Konferenco taksis laboron de la malnova Komitato kiel kontentiga.

A.Gonĉarov:Estas propono likvidi la postenon de vicprezidanto pri propagandaj aferoj.Nun ni pli bezonas komitatanon pri tendaroj.

G.Ĉerĉikov:Male,ni devas plifortigi propagandan laboron.

M.Kronŝtejn:Necesas komitatano pri konstru-taĉmentoj,kiu poste povu esti komisaro.

A.Gonĉarov:SEJM dume ne povas doni al tio atenton,ĉar mankas konvenaj homoj.Do dume kvanto da komitatanoj restu la sama - 8. Krome estas propono: anstataŭ vicprezidanto pri kontaktoj kun oficialaj instancoj estu unua vicprezidanto.

La Konferenco elektis novan Komitaton:

Prezidanto - A.Gonĉarov,unua vicprezidanto - A.Aroloviĉ(Moskvo), vicprezidanto pri eksterlandaj aferoj - D.Cibulevskij(Harkov), vicprezidanto pri sekretariaj aferoj - V.Silas(Vilnius),vicprezidanto pri financaj aferoj - A.Vizgirdas(Klaipeda),vicprezidanto pri internaj aferoj - N.Starodubcev(Doneck),vicprezidanto pri fakoj - Laptev(Ĉeljabinsk),vicprezidanto pri tendaroj - B.Kolker (Ufa).

Pri la fakoj oni decidis :Fota fako - likvidi;kanta fako - N. - N.Ŝĉerbakova(Moskvo),magnetofona fako - A.Rogov(Ĥmelnickij), metodika fako - N.Januleviĉ(Omsk),radioamatora fako- G.Ĵaskov (Barnaul),scienc-teknika fako- la posteno restu vaka,traduka fako - Vladimircev(Barnaul),poezia fako - D.Lukjanec(Leningrad), naturamika fako - A.Kilk(Tallin),korespondа servo - S.Neilande (Riga),gazetara servo - A.Harkovskij(Moskvo).

Estas propono fondi historian fakon.Oni decidis,ke tiudirekte laboro eniru agadon de la fondata instituto de Esperanto.

Estas propono de V.Cvetkova fondi bibliografian fakon-servon.La propono estas akceptita,la gvidado estas komisiita al V.Cvetkova. (Leningrad).

Temo: someraj aranĝoj de SEJM en 1974 kaj 1975 j.

Pro foresto de reprezentantoj el Maĥaĉkala oni prokrastis la decidon pri 8-a SEJM-Konferenco kaj SEJT-16 por semajne,por esplori dum la tendaro.

La organizo de SKT-5 estas komisiita al Klaipeda(rezerva loko - Barnaul).Pri SKT-6 esploru eblecojn Ufa.Pri la 9-a SEJM-Konferenco esploru eblecojn Barnaul kaj Ustj-Kamenogorsk.

Temo: kunlaboro kun ekstersejma movado Esperanta.

Z.Skvorcova:Veteranoj volas transdoni sian sperton al junaj esperantistoj.Tial junularo ne devas forpuŝi ilin,ni povas multe helpi.

A.Gonĉarov:Antaŭe apartiĝo de junularo estis utila,ĉar tio mem-starigis gejunulojn.Plene kunfandiĝi kun veteranoj signifus,ke

ni perdiĝos inter ili. Tamen neniu malhelpas al veteranoj kunlabori.

J.Lupickij: Necesas limigi aĝon, post kiu oni ne rajtu okupi gvidan postenon en SEJM, ĉar ĝi devas resti junulara movado.

Fine oni interŝanĝis impresojn pri la Konferenco. Kiel ĉefaj mankoj estas indikitaj: ĉeesto de komencantoj kaj malbona teknika prizorgo.

V.Aroloviĉ voĉlegas projekton de Decidoj kaj korektoj al la Regularo. Oni akceptas ilin.

A.Gonĉarov fermis la Konferencon.

Protokolis O.Manjuŝina (Ufa)
Z.Miŝina (Barnaul)
redaktis V.Aroloviĉ.